# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

FEBRUARO 1940
XXXVIa Jaro. N-ro 482(2)

Jara abono . . . Fr. sv. 10.—
Anonco : Korespondado du linioj . . . . . 1.—
Reklamo : Kolonero unu centimetra . . . 1.—

Poŝtĉeko svisa : Genève I.2310.

ENHAVO :



Redakcio : Palais Wilson, GENÈVE, Svislando

Fondinto : Hector Hodler, † 1920
Redaktoro: Hans Jakob.

## Por Finnlando

La atako sovjeta kontraŭ popolo malgranda, kaŭzis ĉie indignon. Vane estas provoj del' estroj en Moskvo kredigi al Eŭropo, je ia komploto de la Registaro Finnlanda kun la Brita, por ke Finnlando servu kiel reduto aŭ pontokapo kontraŭ la laborista ŝtato sovjeta. Vane estas ankaŭ kredigi, ke la aviadiloj sovjetaj ĵetis panon sur la finnaj urboj, kaj ne bombojn.

Utilas atentigi, ke Finnlando neniam sin ligis, nek petis ian protekton aŭ garantion, flanke de la grandpotencoj. Se ne ekzistas pruvo pri tia interkonsento, tiam la propagando ĉiarimeda serĉas anstataŭi ĝin per asertoj. Vole nevole sin trudas en tiu ĉi serĉado de kulpeco, komparo kun 1914. Tiam la registaro germana, nepre volis kredigi al la mondo, ke Belgujo minacis la sekurecon de Germanujo.

La paralelo de ambaŭ atakoj estas okulvidebla, same la motivoj estas identaj. Belgoj, same kiel Finnoj nenion gajnas en la konfliktoj de la granduloj kaj ĉiuj asertoj pri manko de neŭtraleco estas ridindaj. Estas malkoni la mentalecon de la mez- kaj malgrandaj popoloj, serĉi ĉe ili ambicion de konkeranto.

La simpatioj de la tuta mondo sin turnas al la Finna popolo, apenaŭ 4 milionoj da homoj, kreinta ŝtaton kun multaj efektivigoj de socialaj postuloj.

Vojaĝinto en Finnlando impresiĝis pri konsiderinda progreso en ĉiuj fakoj de la socia vivo. La kooperativismo, tiu ĉi interesa branĉo de la socia memhelpo, ludas gravan rolon en tiu ĉi lando. Inter ĉiuj ŝtatoj de la malnova Eŭropo, Finnlando sola, regule pagis al siaj kreditoroj precipe Usono, interezon kaj ŝuldparton. La eksterlanda kredito de la ŝtato estis unuaranga.

La sorto de Finnlando vekigis tiun ĉi senton de solidareco, kiu mankis en la pasinto inter la ŝtatmembroj de la Ligo de Nacioj. Estis timeble, ke denove la silenta tolero *pro pli altaj interesoj* permesas al la Goliato frakasi Davidon. Feliĉe kaj dank' al la firma postulo de sudamerikaj ŝtatoj, la Ligo de Nacioj devis sekvi unu solan vojon : kondamni la faron del' atakinto, eksigi ĝin el la komuneco de la ŝtatoj kaj certigi al Finnlando sian apogon.

La morala kondamno de la atako estas ĝenerala. Ĝin kompletigas la helpo konsentita de dudeko de ŝtatoj, helpo sub varia formo. Dume defendas sin tiu ĉi popolo kontraŭ atakoj sen halto. Unu kontraŭ kvindek ! Iĝas klare, ke la pereo de Finnlando estus la plej grava bato por Eŭropo. Ĉiu Finno scias kia sorto lin atendas okaze de malvenko. Egale ĉu cara ĉu sovjeta reĝimo, ambaŭ venantaj de l'oriento signifas por li nenio alia ol subpremo, ja eĉ nacia pereo. La sistema bombardado de urboj kaj vilaĝoj, tiu ĉi esprimo de la totaleca milito ja estas antaŭsigno plej konvinkiga pri tio, kio sekvos poste.

Regas ĉie kompato por tiu ĉi brava popolo, ĉe kiu heroeco ne estas objekto por brilaj deklamoj, sed simpla plenumo de devo. Finnlando defendas hodiaŭ la pordon de Eŭropo kontraŭ la azia invado, ripetiĝinta sub malsamaj aspektoj dum la pasinta miljaro. Estas en la propra intereso de ĉiuj popoloj eŭropaj, subteni Finnlandon en tiu ĉi malegala lukto. Kiel tiu ĉi helpo efektiviĝos ne estas videble nun. Ĉefe, ke ĝi ne plu havu tiun ĉi aspekton de kompato. Kaj ni ripetu : *Ne kompaton, sed helpon bezonas la Finna popolo.*

# La helpo al la familio Zamenhof

## Dua raporto

---

Nenio nova pri la Familio Zamenhof ! Spite niaj multnombraj informpetoj ĉe ĉiuj eblaj personoj, aŭtoritatoj kaj organizaĵoj, nenia informo. Ŝajnas, ke la tuta lando estas hermetike fermata por ni Esperantistoj. La stato de la loĝantaro en Polujo estas ĉiel malfavora, por ne diri pli multe. Potencaj organizaĵoj usonaj proponis helpi, inter ili ĉefe la kvakeroj. Laŭ oficialaj informoj, tiu ĉi helpo estas tolerata, kondiĉe ke nenia informo malbonvola pri la nuna regimo estu perata, ke la helpontoj sin interesu nur pri tiu ĉi tasko kaj submetiĝu al la ordonoj de la okupacia povo. Depost tiu ĉi komuniko, nenio nova. Ni metis nian esperon je la usona helpado, ĉar nur per ĝi, ni povos atingi la familion Zamenhof. Necesas pacienciĝi !

Pluraj demandintoj konigis al ni sian timon pri ebleco de konfisko de nia helpo. Je tio ni respondas, ke laŭ nia sperto ĝisnuna, tia eventualeco ne ekzistas. Tamen por esti absolute certaj, ni intencas transsendi la helpon en *objektoj* kaj per la rajtigita organizaĵo. Pri la ceteraj reguloj de la Esperantista Helpo, ni jam informis en la unua reporto.

Aliaj demandintoj opinias, ke la helpo estu tutesperantista, ne nur de UEA. *Ni opinias same* ! Sed necesis, ke iu iniciatu ĝin. La Esperantista Interhelpo de UEA, sendis la cirkuleron, petante subtenon por la Familio Zamenhof al ĉiuj gazetoj kaj organizaĵoj esperantistaj.

Ni konstatas, ke nur kelkaj gazetoj represigis la cirkuleron. La skismo en nia movado, do etendiĝas ankaŭ sur tiu ĉi kampo. Kaj ne estus mirige, se iun tagon, iuj « gvidantoj » de la movado serĉas malhelpi tiun ĉi iniciaton de UEA.

« *British Esperantist* » informas, ke monsendo el Britujo, por esti perota al landoj sub malamika regado, estas malpermesita. Ni jam informos en raporto unua, pri la maniero laŭ kiu ni uzos ricevotajn helpojn.

Dume alvenis pliaj monsendoj. Pro la eksterordinare multnombra alveno de korespondaĵoj, la Centra Oficejo de UEA, ne povas respondi individue al ĉiu sendinto. Sed ĉiu ricevos kvitancon kaj la gazetnumeron en kiu aperos la publika konfirmo.

Personoj kiuj deziras sendi rekte sian subtenon, povas uzi la bankkonton : Société de Banque Suisse, Genève, Universala Esperanto-Asocio — Fonds spécial Zamenhof, Livret A.11766. — Tio rekomendiĝas precipe por landoj kie oni postulas klarigon por celo de la monsendo. Samideanoj en Britlando povas sendi sian obolon al la Ĉefdelegito de UEA, S-ro A. E. Hepton, Graftonstr. 89-a, Hull.

En Usono oni povas pagi al Komitatano-Ĉefdelegito, S-ro Joseph W. Dubin, 646 Westview Street, Philadelphia (Pennsylvania). En Januaro venis monhelpoj :

### El Belgujo

**(En belgaj Frankoj)**

S-ro Clotaire Vandevelde, Merelbeke : 50.— ; S-ro René Geerinck, St. Niklas : 33. 65. Sume : Fr. 83.65.

### El Britujo

**(En angla mono)**

S-ro E. M. Kendrick, East Molesey, Surrey : 5 ŝil. ; S-ro John W. Holland, Leighton Buzzard, Beds. : 15 ŝil. ; S-ro F. Horncastle, Croydon : £1 ; S-ro A. J. Howard Hulme, Ovingdean : 5 ŝil. ; S-ro Harry Bramwell, Sheffield : 5 ŝil. ; S-ro J. Course, Royston, Herts. : £1 ; S-ro A. B. Edwards, Bishop Auckland : 10 ŝil. ; F-ino Caroline Sawyer, Birmingham : 10 ŝil. ; S-ro H. P. Saunders, Battersea. London : 2 ŝil. 6 p. ; F-ino E. Squire, West Hartlepool, 10 ŝil. ; S-ro G. D. Nash, Slaugham : 5 ŝil. ; S-ro J. Sunter, Colne : 2 ŝil. 6 p. ; F-ino M. Dickson, Farlington, Hants. : 2 ŝil. 6 p. ; S-ro Dr. Blackett, Bath : 2 ŝil. 6 p. ; S-ro W. P. Roberts, Colwyn Bay : 2 ŝil. 6 p. ; S-ro Albert Wm. Robertson, Rochdale : 2 ŝil. 6 p.

Sumo el Britujo, ricevita ĝis 31.1.40 en Genève : 6 L. St.

### El Estonio

S-ro Hillar Saha, Tallinn (rekte per svisa poŝtĉeko) : Fr. sv. 10.—.

### El Francujo :

**(En francaj Frankoj)**

S-ino Alziari, Vence (A.-M.) : 10.— ; Kelkaj malnovaj samideanoj el 1912 en Cannes : 40.— ; S-ro Ch. Cresp, Cannes : 30.— ; S-ro J. Centnerszwer, Douai : 50.— ; F-ino Bicquelle, S-ro M. de Rienzi, Jouarre : 20.— ; S-ro Pierre Marly, Bordeaux : 50.— ; Esp. Grupo de Boulogne-sur-Mer : 50.— ; S-ro G. Baire, Boulogne-sur-Mer : 30.— ; S-ino Sergeant, Boulogne-sur-Mer : 10.— ; S-ro Gabr. Chavet, Lille : 50.— ; S-ro A. Legret, Vice (Calvados) : 5.— ; S-ino O. Le Bourdais, Vanves : 10.— ; F-ino G. Gérard, Paris : 50.— ; S-ro Louis Bouvier, 11, place Marais, Le Havre : 100.— ; S-ro Couttet, Craponne (Rhône) : 10.— ; S-ro D-ro Maurice Briquet, Lille : 50.— ; S-ino Jeangirard, Paris : 100.— ; S-ro R. Beau, Mâcon : 25.— ; S-ro Georges Moignet, Levallois-Perret : 50.— ; S-ro Henri Isnard, Marseille : 20.— (senditaj ankoraŭ dum decembro).

---

S-ro Marcel Mielle, Randonvilliers, Aube : 50.— ; Esp. Grupo de Elbeuf, sendita de S-ro Saget : 100.— ; D-ro North Hochfelden : 25.— ; S-ro Jean Rouchouse, Saint-Julien-en-Jary (Loire) : 50.— ; S-ro Rivier, Nice : 50.— ; S-ro A. Couffinhal, Labarthe-de-Neste (Haute-Pyrénées) : 10.— ; S-ino Jean Julia, Céret : 100.— ; S-ro J. B. Robin, Sotteville-les-Rouen : 15.— ; S-ro Hullin, Honfleur (Calvados) : 10.— ; D-ro E. Malot, Lyon : 50.— ; F-ino Zoé Berthet, Thiers (Puy-de-Dôme) : 50.— ; S-ro Jean Pain : 20.— ; S-ro Charles

Sustras, Paris : 50.—; S-ro C. Naoumoff, Paris : 100.—; S-ro C. Roncati, Nice (kolekto inter samideanoj en Nice : S-ro Roncati, 30.—; S-ro Louis Bailet, 25.—; S-ro Georges Avril, 20.—; Gesinjoroj Becken, 20.—; S-ino Fontaine, 15.—; kaj Esp. Grupo de Nice, 100.—), kune Fr. 210.—; S-ro Aug. Meyer, Wasserbourg : 25.—; S-ro A. Cotton, Profesoro ĉe Sorbono, Paris : 200.—; F-ino J. Barat, Arras : 50.—; F-ino Chauveau, Chateauroux (Indre) : 50.—; Esp. Grupo de Saint-Raphael (Var) : 290.—; S-ro Julien Katz, Colmar : 30.—; S-ro V. Vérot, Saint-Etienne (Loire), kolekto inter la grupanoj, kies nomoj sekvos pli poste : 270.—; F-ino Yvonne Jullien, Lyon : 50.—; S-ro Emile Borel, Lyon, kolekto inter Esperantistoj de la regiono, listo sekvos pli poste : 430.—; F-ino Jullien, pago de klubanino, sen indiko de nomo : 10.—; Leŭtenanto Paul Joussot, ĉe la fronto : 100.—; S-ino Jacob, Thonon-les-Bains : 100.—; S-ro L. Rodo, Val-Saint-Martin (Eure) : 10.—; Serĝento Meyzonnade, ĉe la fronto : 20.—; F-ino Caudel, Paris : 10.—; Esperantistoj en Hyères, kies nomoj sekvos, pere de S-ino Lanoux, Hyères (Var) : 230.—; S-ro André Moussier, Vienne : 60.—.

Sumo ricevita en francaj frankoj ĝis 31 Januaro 1940 : 3.427.—.

## El Nederlando

**(En nederlandaj Guldenoj)**

Gesinjoroj van der Graaf, Dordrecht : 2.—; S-ro P. M. E. Bingen, Maastricht : 0.25; F-ino J. Presto, Arnhem : 2.50; S-ro C. M. Schaffelaar, Den Haag : 2.50; Nederlanda E-Gruparo, sekcio de Hilversum, sendita de S-ro Mantingh : 25.—; S-ro L. Ouwehand, Rotterdam : 2.50; S-ro A. H. van de Velde, den Haag : 2.50; S-ro Hooijer, Den Haag : 2.50. (Sumoj antaŭaj enpagitaj en Decembro 1939.)

F-ino M. E. Giltay, Voorburg : 5.—; S-ro J. Noordhoek jr., Rotterdam : 10.—; Esperantistoj en Assen, pere de F-ino Frankje Dallinga kaj F-ino Feenstra : 26.50; S-ro A. J. de Jager, Amsterdam : 1.—; Pere de S-ro Telling kaj de S-ro G. A. O. Soeteman, Heemstede : 2.50; S-ro G. R. Ten Burg, Haarlem : 2.50; S-ino A. Lindeman van Bloemen, Spijkenisse : 1.—; F-ino Ferwerda, Amsterdam : 10.—; F-ino Teepe, Amsterdam : 10.—; F-ino G. S. Penterman, Rotterdam : 100.—; F-ino Lucie Weijer, Enbeek : 1.—; S-ro Ypma : 2.—; S-ro W. Stiegelis : 1.—; F-ino J. Bakker : 1.—; S-ino Versteeg : 1.— (ĉiuj en Apeldoorn); S-ro J. H. J. van der Plas, Rotterdam : 2.50; S-ro J. Landheer, Rotterdam : 2.50; S-ro Tj. Postma, Rotterdam : 2.50; S-ro Ds. H. de Jonge, Bergen op Zoom : 10.—; S-ro J. B. B. Dufrenne, Amsterdam : 2.—; S-ro D. E. Lissauer, Amsterdam : 2.50; F-ino C. Vermeer, Dieren : 2.50; S-ro J. Kromme, Zwolle : 2.00; F-ino M. Smit, Rotterdam : 5.—; S-ro J. Terpstra, Leeuwarden : 1.—; S-ro W. H. Scholtens, Ysselmuiden : 2.50; S-ro C. W. Klomp, Utrecht : 1.—; S-ro Dreves Uitterdijk, Hilversum : 10.—; Unuiĝo «Fine ĝi venkos», den Haag : 10.—; S-ro J. M. E. S. Le Rütte, Groningen : 2.—; S-ro P. M. Seret, den Haag : 10.—; S-ro D-ro J. S. Nauta, Witmarsum : 1.—; F-ino R. J. Touber, Amsterdam : 1.—.

Tuta sumo ricevita en Januaro, dua raporto : G. 289.25.

## El Svedlando

**(En svedaj kronoj)**

S-ro Oscar Svantesson, Göteborg : 5.—; S.ro E. Nyberg, Boden : 5.—; S-ro G. Bengtsson, Kiruna : 1.—; S-ro Harald Thilander, Stocksund : 25.—; S-ro Hugo Sköld, Stenstorp : 5.—; S-ro Gösta Aström, Gefle : 2.—; Kokekto inter samideanoj en Linköping, sendita de S-ro H. Zachrisson : 36.—; S-ino Helmi Josefson, Stockholm : 15.—.

Sume ricevita ĝis fino de Januaro el Svedlando : Kr. 94.—.

## El Svislando

**(En svisaj frankoj)**

F-ino Frieda Welter, Herisau : 3.—; S-ro Rinaldo Borsa, Genève : 5.—; S-ino L. Grütter, Zürich : 10.—; S-ino Bichsel, Bern : 10.—; Schw. Berta Sutter, Zürich : 7.—; Esp. Grupo, Le Locle : 20.—; Esperanto Societo, Zürich : 10.—; S-ro Ch. Baudoin, Saconnex-d'Arve : 5.—.

| | |
|---|---|
| Sumo ricevita el Svislando dum Januaro ....... | 70.— |
| S-ro J. Dercks, Bergen op Zoom, Nederlando .. (tra svisa poŝtĉeko) | 11,76 |
| | 81.76 |

---

Sumoj ricevitaj laŭ dua raporto : Fr. sv. 1.332,66.

El Danlando kaj Hungarujo alvenis donacoj kaj sciigoj pri tiaj. Ili aperos en la tria raporto, post konfirmo de l'banko.

*Universala Esperanto-Asocio*
*Esperantista Interhelpo.*

# Proverbaro hungara

*Fiŝon oni ne punas, ĵetante ĝin en akvon.*

* * *

*Malbona homo timas leĝon, piulo la feliĉon.*

* * *

*Ŝtoneto en la ŝuo estas pli potenca ol la plej granda monto.*

* * *

*Maljuna violonisto forgesas ĉiutage alian kanton.*

* * *

*Pli bone estas seka pano kaj la paco ol rostita viando kaj procesoj.*

* * *

*Eĉ blankaj lilioj faras nigran ombron.*

* * *

*Malgranda leporo senspirigas eĉ plej grandan hundon.*

* * *

*Indiferentas al malsanulo, ĉu lia lito estas el oro.*

* * *

*Ne postulu de pulo, ke ĝi estu grasa.*

* * *

*Pulvo kontentiĝas per unu sola fajrero.*

* * *

*En vino dronis jam pli multe da homoj ol en la maro.*

* * *

*Se iu rakontas al vi, ke li kapablas fari oron, tiam li certe celas vian arĝenton.*

* * *

*Ne jam estas barono, kiun tiel titolas cigano.*

# Tra la Gazetaro

Duonjaro de milito jam pasis... kiel reagis la aktivuloj esperantistaj ? Nu, la esperantistaj gazetoj aperas, malpli regule, malpli amplekse, s e d aperas. Videble la milito forte skuas la animojn kaj ĝenerala estas la timo, ke nia movado devos suferi multe. Same ĝenerala estas la volo, ne perdi kuraĝon kaj esperon, sed d a ŭ r i g i. El la dudeko de esperantistaj gazetoj, ricevitaj dum Januaro kaj Februaro ni eltiras sekvantajn partojn el kelkaj periodaĵoj :




La Januara numero de tiu ĉi gazeto, ĉiam tre vigla enhavas en la ĉefartikolo « En la nova jaro » tre atentindajn vortojn de J. Grandja :

## En la nova jaro

Unu afero fine hodiaŭ devas esti klara al ĉiu racie pensanta esperantisto : Magia lando Esperantujo troviĝas sur la tero, aŭ pli bone : ĝi troviĝas nenie. Ni vivas inter la homoj kaj ne super la homoj. Esperanto estas socia fenomeno kaj — estante tia — ĝi povas prosperi kaj vivi nur sub iuj certaj kondiĉoj. Kaj la esperantista movado povas venki nur plej aktive luktante por realigo de tiuj kondiĉoj en la homa socio kaj ne elimininte sin el ĉiuj sociaj kaj politikaj manifestiĝoj de la homa vivo sub la masko de falsa neŭtraleco. Pozicio de la esperantismo devas esti klare signita rilate al ĉiu problemo. Estas memkompreneble, ke klareco ne estas neŭtraleco koncerne ĉion.

La lastaj mohikanoj de tia neŭtraleco povas hodiaŭ pli klare ol iam vidi, ke ni ne povas esti neŭtralaj rilate al sociaj kaj politikaj okazaĵoj, ĉar ĝuste ili kaŭzis la nunan plenan stagnon de la internacia Esperanto-movado.

Per neŭtraleco ni intencis utili al Esperanto, sed fakte ni malutilis. Spite nian neŭtralecon, malamikoj restis plue malamikoj kaj malpermesis — kie ajn povis — nian movadon. Sed pro nia plena neŭtraleco ni preskaŭ perdis ĉiujn simpatiojn en la progresemaj rondoj. En iliaj okuloj ni envere aspektis stranguloj, similaj al struto ŝovanta la kapon en sablon. Kaj tiuj progresemaj rondoj estas la solaj fortoj, kiuj povas ebligi venkon de Esperanto !

Do, la faktoj montras, ke ni devas forlasi nian ĝisnunan nebulan, falsan neŭtralecon kaj plej energie partopreni en la nuna okazado, helpante al tiuj fortoj, kiuj povas realigi objektivajn kondiĉojn en kiuj povas venki internacia lingvo.

La sinteno de esperantismo devas hodiaŭ esti malkaŝa kaj ĝia pozicio klare signita.

Sed la verda popolo devas tre atenti en okupado de sia pozicio. Ĉar eraro en la nuna kaoso povas esti fatala, kaj supraĵa juĝanto povas tre facile preni kornon anstataŭ kandelon.

Unu afero estas klara (respektive ĝi devus esti klara) al ĉiuj : Ni ne povas simpatii kun tiuj, kiuj jam antaŭ kelkaj jaroj, nuligante ĉiujn signojn de la libero, malpermesis kun aliaj kulturaj movadoj ankaŭ la esperantismon.

Sed de la alia flanko povus nin trompi dolĉaj sirenaj voĉoj.

Mildaj, kulturaj sinjoroj laŭtvoĉe deklaras, ke ili batalas por libero kaj demokratio. Koncerne tiujn belajn vortojn, oni devas atentigi pri la konata fakto, ke antaŭ dudek kvin jaroj la samaj sinjoroj batalis por la samaj celoj kaj venkinte ili realigis nenion de tio. La nura ŝanĝo estis sennombraj lignaj krucoj, kiuj surkovris multajn eŭropajn kampojn kiel memorsignoj de la terura kaj honta folio en la libro de la historia evoluo.

Ankaŭ la nunan batalon ili komencis sub samaj signoj kaj per samaj vortoj. Ĉu ankaŭ la rezulto ne estos sama ? Ankaŭ al ili ne povas simpatii la verda popolo.

La verda popolo devas sin turni al tute alia flanko.

Kondiĉoj en kiuj povas venki Esperanto estas vera, popola demokratio kaj plena egaleco.

La verda popolo, se ĝi envere volas progreson de Esperanto, devas sin turn ial la flanko, kiu realigas tiujn kondiĉojn.

En la nova jaro verda popolo decidos.

En la nova jaro la verda popolo montros, ke ĝi povas doni grandan helpon kaj firman apogon al la pozitivaj fortoj batalantaj por realigo de homaj revoj kaj konstruo de plena surtera homa feliĉo, kies parto estos ankaŭ la lingvo, kiun antaŭ kvindek jaroj donacis al la homaro modesta homo kaj granda idealisto D-ro Zamenhof.

Lietuvos Žvaigždė

## LITOVA STELO

### LIETUVOS ESPERANTO SAJUNGOS ORGANAS ORGANO DE LITOVA ESPERANTO — ASOCIO

La lasta numero ricevita en Genève, tiu de Novembro-Decembro, enhavis atentindan artikolon, *La Decembra Datreveno* el kiu ni citas :

Antaŭ okdek jaroj, la 15-an de Decembro 1859, en la meza Eŭropo, naskiĝis homo, kiu post tridek jaroj fariĝis, per sia verko-Esperanto, plej fama en la mondo. Tiu homo — geniulo estas nia Majstro *D-ro L. L. Zamenhof.*

La urbo, kie naskiĝis la kreanto de Esperanto, estas en tiu parto de Eŭropo, al kiu eĉ kelkaj nacioj rigardas kiel al propra « vivspaco ». Dum la lastaj 150 jaroj tiu regiono estis regata de kvar ŝtatoj. En la urbo kaj la lando la loĝantaro apartenis al ses diversaj nacioj, inter kiuj konstante estis diversaj kvereloj kaj miskomprenoj. Vere, tiu regiono kaj la urbo Baltstoge — Bielostok — Bialystok — Belostok (tiel ĝi estis nomigita dum ĝia historio) tre malofte vidis la pacon kaj trankvilecon.

Hodiaŭ jam en ĉiu loko de la tero estas grupoj da adeptuloj, kiuj fidele volas sekvi la vojon, markitan de la Majstro. Tamen samtempe ni devas konfesi, ke niaj fortoj ankoraŭ estas treege malfortaj, ke ni estas preskaŭ nevideblaj kaj senvaloraj sur la monda scenejo. Kvankam ni ofte emas krii, ke ni tuj pacigos la homaron kaj ordigos la mondon, tamen la kruda realeco montras, ke ni ankoraŭ estas ne organizita socio, sed aro da personoj kun siaj egoismo, pasiveco, malkonfido kaj aliaj kapricoj.

Ĉu ne stranga estas la fakto, ke nia movado, kiu celas porti la interkomprenon inter popoloj, ĉiam estas plej malforta kaj disigita, kiam la popoloj plej bezonas nian helpon. Ĉiam, kiam la popoloj preparas sin al la milito, ni ankaŭ militas inter ni, fondas novajn centrojn, ektrovas novajn gvidantojn, kvazaŭ nesufiĉus sola Majstro. Dum okdeka jubileo la mondo travivas la militon. Oni militas ne nur en « sovaĝa » Oriento, sed ankaŭ en « civilizita » Okcidento kaj « pacema » Nordo. Ceteraj landoj ankaŭ timas esti entirotaj en la militon, sed la timo kaj malvolo ne ĉiam malproksimigas la danĝeron.

La milito ŝanĝas la nunan situacion kaj kune ankaŭ nian pozicion. Ĝis nun ni, propagandante Esperanton, plej ofte turnis la atenton al ĝia utileco por *praktikaj* celoj aŭ parolis pri *interna ideo*.

Tamen nun ni vidas, ke tiuj niaj argumentoj ne nur plu ne impresas novajn homojn, sed ankaŭ nin mem ne tro ravas. Kaj tio estas plene komprenebla afero. Kia povas esti praktika utileco de Esperanto, se inter la popoloj estas ne nur muroj, sed ankaŭ frontoj. Aŭ kia senco estas paroli pri ideoj, kiam oni vidas, ke la homoj milope estas murdataj en la frontoj, « defendante » siajn « vivspacojn ».

Ni ĉiam krias, ke unueco estas forto, sed ĉu ni tiel agas, ke la unueco vere inter ni ekestu ? Ĝis nun tio ne okazis. Nia Majstro ofte cedis al la opinioj de aliaj esperantistoj, volante, ke inter la esperantistaro ne estu diversaj miskomprenoj. Niaj hodiaŭaj gvidantoj ankaŭ same devas agi, kaj nur tiam inter la esperantistaro ekestos la konkordo kaj paco.

Hodiaŭa situacio de ĉiu esperantisto postulas, ke li, ne povante la movadon vastigi horizontale, penu kreskigi ĝin vertikale. Nur aĉetante la librojn kaj per tio helpante la kreskon de literaturo, nur abonante la gazetojn kaj aliĝante al la asocioj ni fortigos la movadon, kiu post la ŝanĝo de nuna milita stato povos rapide ekmarŝi al la celo.

La Decembra Datreveno estu al ni la vojmontrilo !

LOKO.

# Sennaciulo

## OFICIALA ORGANO DE SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA

**16 Jaro. 484. Januaro 1940.**

### *NENIO ESTAS PLI VALORA OL LIBERECO ! LA SORTO DE VENKITA POPOLO*

*Diversaj malgrandaj okazaĵoj.* — Malalte super la urbo brue flugas germana ĉasaviadilo. Estas frumatene kaj Praha ankoraŭ pro pluvo nebulas. Rimarkinde estas, ke neniu rigardas al supre. Minuton poste arĝenta trafikaviadilo flugas super la urbo, kaj nun oni havas pli da intereso. Estas tute klare, ke oni en Praha ne volas vidi la Germanojn. Neniu germana soldato promenas sola. Mendu en ĉeĥa trinkejo kafon kaj germanan gazeton, vi devas atendi almenaŭ kvar minutojn. Aĉetu cigaredojn germanlingve kaj vi ricevos ilin, volvitajn en peco da gazetpapero. La Ĉeĥoj aplikas pasivan kontraŭstaron, suferante, sed persistante kun obstino. Ili legas pri malpermeso naĝi en iu rivero, pri konfiskado de fusiloj, pri prezaltigoj kaj pri la malpermeso viziti judajn kafejojn. Ili legas kaj silentas. Ĉar estas danĝere paroli. Praha fariĝis urbo silenta, morte enuiga kaj malfeliĉa. *Ĉeĥo parolas.* Rakontu al mi pri la ŝanĝiĝo de Praha. Kio okazis post la germanigo ?

Vi deziras multe, ĉar mi devas paroli pri nia honto, nia mizero kaj niaj eraroj. Sed estas bone, ke ĉiu sciu pri tio, do, aŭskultu. Mi ne parolas pri tiuj, kiuj malaperis kaj ne nomos aliajn nomojn, ĉar mi ne volas endanĝerigi iliajn parencojn. Sed multaj estas arestitaj. Oni tenis ilin tagojn aŭ semajnojn, eĉ monatojn. Por kio oni kaptis ilin ? Iu plendis, ke la viando kariĝis, alia diris, ke la pasinteco estis pli bona ol nun sub la germana reĝimo. Multaj eĉ ne sciis por kio ili estis arestataj, kvankam en la ĉeĥa leĝo estas paragrafo, ke ĉiu arestito antaŭ malpli ol 24 horoj post la aresto devas esti informata pri la kaŭzo kaj esplordemandata. Tiun rajton oni nuligis. Tre perfekta spionsistemo fermas la buŝon de tiuj, kiuj dum iom da tempo estis for.

## FRANCA ESPERANTISTO

**(L'Espérantiste français)**

La Januara numero, ricevita meze de februaro, informas pri multaj okazaĵoj, kursoj kunvenoj, pruvo ke spite ĉio, la esperantista vivo pulsas en Francujo. En la oficiala parto, kunveno de la administra konsilantaro de la SFPE ni legas : (ni tradukas la francan tekston).

« La konsilantaro, atentigita pri cirkulero de UEA koncerne kolekto favore de Familio Zamenhof

1. Konstatas, ke tiu ĉu kolekto administrata de la nura komitato de UEA ne prezentas ian ajn garantion pri la utiligo de l'Fundo,

2. konstatas ke la cirkulero ne donas ian ajn precizigon pri la familio Zamenhof

3. memorigas ke estas severe malpermesita per la leĝo validanta eksporti monon al eksterlando kaj speciale ilin transporti en Polujon okupitan

4. invitas IEL interkonsenti kun la Pola registaro aŭ ĉia alia registaro por ke oni povu helpi leĝkonforme al la polaj esperantistoj kaj al la familio Zamenhof speciale.

Je tio UEA respondas :

1. *SFPE prefere kunhelpu al la klopodado favore de la familio Zamenhof, anstataŭ krei malfidon. Pri la uzo de la mono ni informis kaj informas regule.*

2. *Efektive nenion precizan oni scias pri la familio. Sed SFPE forgesas ŝajne, ke Polujo kaj speciale la judoj vivas sub kondiĉoj esceptaj — eĉ tre esceptaj — kaj estas miraklo, se klopodo entreprenita sukcesas tuj aŭ eĉ post monatoj.*

3. *Neniel timu, ke ni malrespektas leĝojn. Ni memoras pri certaj samideanoj, kiuj senhezite malrespektis statuton leĝaron kaj juĝojn de tribunaloj. Plion ni ne diras !*

*Sekve por trankviligi : Neniu franketo forlasas Francujon, nek alian landon del' alianco por bezonaĵoj en Polujo.*

4. *UEA informis en decembro pasinta la Britan Registaron pri tiu ĉi klopodo favore de Familio Zamenhof, plie per detala memorandumo informis la Polan Registaron en* Angers *pri niaj klopodoj, ne nur pri la Familio de nia Majstro, sed ankaŭ pri aliaj personoj. UEA estas en kontakto regula kun diversaj servoj registaraj de pluraj landoj.*

La ĉefa afero estas, ke oni faru ion. Ke ni ne tuj sukcesas retrovi la familion Zamenhof aŭ ekrilati kun ĝi, tion ni antaŭvidis, el sperto pri centoj de klopodoj similaj, faritaj de ni.

Ne temas nur pri nura kolekto, facile organizebla, sed pri klopodado longdaŭra kun la celo venigi la Familion Zamenhof en alian landon. Kaj se la SFPE bonvolas partopreni en tiu ĉi penado, ni nur povas danki kaj ĝoji. Polemikon aŭ suspektigon ĝi evitu, tro serioza estas la afero.




# La agado de l'Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, Ĝenevo




Promenanto en Ĝenevo, admiras la belan apudlagan parkon *Mon Repos* sekvatan de la *Perle du Lac* kaj de la parko Barton, donaco de la brita konsulo samnoma. En tiu ĉi linio de parkoj, troviĝas vilao, kie daŭre flirtas la flago kun la Ruĝa Kruco. Estas la vilao de ĝeneva patriciano Moynier, kie kunvenis la 22-an de Aŭgusto 1864 la delegitoj de multaj ŝtatoj por subskribi la faman Konvencion de Ĝenevo, la fondon de la Ruĝa Kruco, ideo de homarano varmkora, la ĝenevano Dunant. Pasis 75 jaroj kaj la mondo ree troviĝas en milito. En grandega oficejo, estas ankoraŭ en ĉies memoro. Kaj ree la Internacia Komitato starigis tian centron de informado por esplori, reserĉi kaj helpi.

La ĝeneva administrado disponigis al la Ruĝa Kruco la ampleksan *Palais du Conseil Général*, ankaŭ nomata Bâtiment Electoral, ejo de multaj internaciaj kunvenoj kaj manifestadoj (la sama palaco servis 1925 kiel akceptejo al la 17-a Universala Kongreso de Esperanto). La organizon de la servoj montras la skemo tie ĉi. Laboras libervole ĉirkaŭ 400 personoj, plie cento da salajrataj specialistoj. La tuta kosto de la centro estas pagata el subtenoj de la ruĝkrucaj eocietoj, de helpo de la svisa registaro (por 1939-40 sstis konsentita la sumo de 200.000 frk.) de la urbo Ĝenevo kaj de aliaj svisaj komunumoj, fine de individuaj donacoj. Konstatinda fakto estas, ke por reciproke sinmortigi, la homaro trovas nekalkuleblajn rimedojn, sed por mildigi malbonon, institucioj kreitaj por tio devas . . . almozpeti !

**Direktado de la Centra Komisiono**

**Administrado** — **Kaso & Ekonomia Sekcio** — **Direkcio Teknika kontrolo**

**Specialaj Sekcioj**

Travido de la poŝto. Akceptejo. Eliranta poŝto Arkivo.

- Saneca personaro
  - Grav-vunditoj Grav-malsanoj
- Help-agadoj
  - Transigoj kolektiva individua
- Civiluloj
  - Special-kazoj informoj
- Propagando
  - Preso

**Naciaj Sekcioj**

Militkaptitoj kaj civilinternigitoj Aviadistoj, maristoj k.t.p.

- Brita
- Finna
- Franca
- Germana
- Pola
- Rusa

**Help-Servoj**

- Maŝinkopiado
- Hollerith-sistemo
- Multobligado
- Fotokopiado

La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco estas ligilo inter la ruĝkrucaj societoj, organizaĵo ekzistanta en ĉiuj landoj, kun variaj taskoj de protekto kaj antaŭzorgo. Neniam oni estus antaŭvidinta kiaj taskojn la Ruĝa Kruco en Ĝenevo devos surpreni. Dum la lasta milito, la interveno de la Ĝeneva centro por helpi al la viktimoj ankoraŭ ne estas forgesita. La fama *Agence des Prisonniers de Guerre*, la Agentejo por la Militkaptitoj en la muzeo Rath, transformita

# Esperantista Interhelpo

Dum la pasinta jaro, multaj samideanoj devis forlasi hejmlandon kaj serĉi rifuĝon alilande. Pro kompreneblaj kaŭzoj, ni tiam ne publikigis adresojn. La atako kontraŭ la Pola Respubliko sekvigis disigon de familianoj en neniam konita amplekso. Por ebligi kontaktiĝi kun ekzilitaj samideanoj ni komencas publikigi nunajn adresojn de samideanoj rifuĝintaj. Utilajn informojn oni sendu al nia redakcio.

S-ro Eŭgeno Rytenberg, VD de UEA en Varsovio, nuna adreso p. A. Sibal, Str. Cuza Voda 46, Bucuresti, Rumanio.

D-ro Ludwik Boruchowicz, esperantisto el Lodz, nuna adreso, p. A. J. Przybyszewski, Str. Justitiei, 41, Bucuresti.

S-ro Edvardo Wiesenfeld, dentisto, de Varsovio, L:K., nuna adreso, ĉe Mantel, Janowska 43, Lwów, Okc. Ukraino.

S-ro Henriko Zimand, filo de nia D en Kolomea-Kolomyja, loĝas nun en Hungarlando. Adreso : S-ro Henriko Zimand, pola oficiro, Visegrad.

Diversfoje ni provis ricevi novaĵon pri la nestoro de nia movado, respektinda Profesoro Bujwid. Je poŝtkarto germanlingva, sendita en Januaro, ni ricevis la 24-an de Februaro respondon, datitan 15-an de Februaro kaj en . . . Esperanto :

*Kara Amiko,*

*Mi dankas korege pro afabla letero. Mi estas sana kaj laboras en mia Instituto,*

*Saluton al ĉiuj amikoj,*
*Via sincere,*
O. Bujwid.

# Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*Frato Modesto Eugenio Carolfi*, franciskano, laŭ mallonga informo mortis en Etiopio. La kongresanoj de Genève 1925 bone memoras la ĉiam serenan franciskanon, kiu dum la malfermo del' kongreso eldiris la bonven-salutojn al la ĉeestintaj samideaninoj. Frato Carolfi naskiĝis 1884, esp-iĝis en 1912 kaj sendube batis la rekordojn de l' instruado de nia lingvo, ĉar pli ol ducent kursojn li gvidis. Li verkis biografion pri la « Poverello » kaj tian pri Sankta Antonio de Padovo, plie preĝlibreton kaj sennombrajn artikolojn. Fidela amiko de UEA, ano n-ro 13521 kun kies Centra Oficejo li multe rilatis precipe dum pasinta mondmilito, kiam li oficis en Cortemaggiore.

*Sinjoro Charles S. Taylor*, en Haverford, Pennsylvania, Usono, Novembro 1939, 88 jaraĝa, fidela ano de UEA Dumviva membro 219, dum jardekoj Delegito en Haverford. Konata kvakero, li senavare helpis al la E-movado, al kiu li konservis modelan fidelecon.

*F-ino Martha Root*, anino de UEA n-ro 26291, konata propagandistino de altaj idealoj de paco, fratamo kaj Esperantismo, en Honolulu, Havajo, oktobro 1939.

# Universala Esperanto-Asocio



**Palais Wilson, Genève, Svislando.**

## Oficiala Informilo
## 1940 — Februaro — N-ro 2

**Esperanto.** — La Januara numero, kiu devis eliri komence de Februaro, prokrastiĝis pro malfrueco en la poŝta liverado inter redaktejo kaj presejo. Anstataŭ unu tagon, la sendaĵo bezonis dek por alveni. Ni ne komentarias, sed penadas, ke tiu ĉi malinteresa stato ŝanĝu, tiel, ke kun la Marta numero ni reatingu relativan regulecon en la apero.

**Jarlibro** 1940 eliris meze de monato Marto kaj estis sendita al ĉiuj pagintoj por jaro 1939 escepte al Germanujo, Polujo kaj la landoj ceĥo-slovakaj. Ĉi tiujn ekzemplerojn ni konservas por sendi en pli favora momento.

**Subtenantoj.** — La sekvantaj samideanoj bonvolis aliĝi por 1940 kiel Subtenantoj. Al ili ni sendas nian koran dankon.

1. S-ro C. Rogister, Unua listo, Collonges-sous-Salève, Francujo.
2. S-ro Rd. Oristo, Milwaukee, Wisc., Usono.
3. S-ro William Brown, Inglewhite near Preston, Anglujo.
4. S-ro Paul Bouvier, Genève, Svislando.
5. S-ino Jacob, Thonon-les-Bains, Francujo.
6. S-ro Douglas Guilbert, Hobart, Tasmanio.
7. S-ro Georges Strœle, Neuchâtel, Svislando.
8. S-ro M. Sola, Terrassa, Katal., Hispanujo.
9. S-ro Azorin, Sevilla, Hispanujo.
10. S-ro Generalo Rambousek, České Budejovice, Ĉeĥ.

**Pagoj en Britujo.** — Sekve de certaj registaraj dekretoj, kiuj celas malebligi transigon de brita mono al malamiko, aro da personoj en Britujo kredas, ke la tuta pagrilato al eksterlando estas nuligata. Tio nun ne estas la fakto. Por pagi al ni ekzemple, necesas peti formulon « Certificate for exportation of Bank Notes », etc., donata de ĉiu banko brita.

Sed la plej simpla maniero pagi al ni kaj por ni estas sin turni senescepte al la ĉefdelegito brita

**Sinjoro A. E. Hepton, 89-a Graftonstr. Hull**

kiu funkcias ja por tiu ĉi celo.

Genève, 28 Februaro 1940.

*Centra Oficejo de UEA.*

# Eksterordinara okazo por akiri librojn je modera prezo

La Biblioteko de UEA posedas multajn librojn duoble. La Centra Oficejo ricevis dum la lastaj jaroj donace plurajn bibliotekojn de samideanoj devigitaj seniĝi de esp. libroj. Ĝis 1934 la Bibliografia Servo de UEA uzis duoblaĵojn por interŝanĝe ricevi aliajn verkojn. Sed restas granda stoko da utiligeblaj libroj. Por permesi al samideanoj, dezirantaj akiri je modera prezo literaturaĵon, ni decidis disvendi ĉi tiujn duoblaĵojn. La enspezoj servas por kompletigi la kolektojn de la Biblioteko de UEA. Estas vendataj nur kolektoj, unuopajn verkojn ni ne povas liveri La prezoj estas en svisaj frankoj, pageblaj per kia ajn mono aŭ maniero.

**Pakaĵo 1**

36 broŝuroj diversaj inter ili *Akbar*, orienta romano de van Limburg Brouwer, *La Nekonata konato*, mistera rakonto de Douglas P. Boatman; Ginevra, triakta dramo de Edmond Privat; kolekto de rakontoj de L. Tolstoj 7 kajeroj; Verdaj fajreroj, versaĵoj de Roman Frenkel; kaj tiel plu.
Pezo 1750 gramoj. Prezo kun sendo ........ Fr. sv, 7,50

**Pakaĵo 2**

30 broŝuroj diversaj. Inter ili *Formortinta delsuno* rakontita de li mem, *Jolanto*, la filino del reĝo René; Esperantaj prozaĵoj, fabeloj noveloj kaj skizoj, Hamleto, La fundo de l'mizero de Sieroŝevski; kaj tiel plu.
Pezo 1750 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 7,50

**Pakaĵo 3**

22 brosuroj, inter ili: *Ramuz*, Aline; *Scippel:* Adèle Kamm; *Calderon de la Barca:* La urbestro de Zalamea; *Heine:* Atta Troll; La Vendreda Klubo, 11 diversaj artikoloj verkitaj de la Vendredo-klubanoj.
Pezo: 1750 gramoj. Prezo .................... Fr. sv. 7,50

**Pakaĵo 4**

22 broŝuroj, inter ili: La floretoj de San Francisko, Vortoj de Profesoro Th. Cart, Jolanto, la filino del Reĝo René, Kondukanto de l'interparolado kaj korespondado; kaj tiel plu.
Pezo: 1750 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 7,50

**Pakaĵo 5**

40 broŝuroj, inter ili kompleta kolekto de Biblioteko Tutmonda 1-20, 22 numeroj el la Esperanta Biblioteko Internacia kaj 7 volumoj el la kolekto Internacia Mondliteraturo.
Pezo: 2.000 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 10.—

**Pakaĵo 6**

Ok libroj, el kiuj sep el la Kolekto de La Revuo, nome Carmen, de Mérimée, Halka (opero) Frenezo, Mazepa, Mistero de Doloro, Kaatje, Imenlago, kune 450 paĝoj da teksto; plie, Ostlorn, vilaĝaj skizoj, de S- Ulfers, el nederlanda literaturo 294 paĝoj.
Pezo: 1750 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 6.—

La listo estas daŭrigata. Samideanoj kiuj interesiĝas pri LA REVUO estas informataj ke ni povas disponigi kelkajn kompletajn jarkolektojn kaj kompletigi tiajn. Pli poste ni informas pri jarkolektoj de interesaj periodaĵoj esp.

**Mendojn oni direktu al :**
**Universala Esperanto-Asocio, Palais Wilson, Genève**



# La Verkaro de D-ro L. L. Zamenhof devus troviĝi en la biblioteko de ĉiu esperantisto

**Akirante la verkaron de la Majstro, vi ne nur riĉigas vian scion de la lingvo, sed vi partoprenos en la helpo al la Familio de la Majstro, nun en efektiva mizero !**

| | |
|---|---|
| Fundamento de Esperanto, 5 lingva, kartonita | 1.40 |
| Fundamenta Krestomatio | 2.25 |
| Lingvaj Respondoj | 1.15 |
| Proverbaro Esperanta | 1.00 |
| Fabeloj de Andersen : Volumo II | 1.15 |
| » Volumo III | 1.15 |
| Georgo Dandin | 0.60 |
| Hamleto | 0.85 |
| Ifigenio en Taŭrido | 1.00 |
| » (Luksa papero) | 1.35 |
| La Rabeno de Baĥaraĥ | 0.70 |
| La Rabistoj | 1.10 |
| » (Luksa papero) | 1.35 |
| La Revizoro | 1.00 |
| » (Luksa papero) | 1.35 |
| Marta | 2.00 |
| » (Luksa papero) | 2.50 |
| Levidoj, libro (el la Biblio) | 0.35 |
| La Predikanto (libro el la Biblio) | 0.35 |

**Ĉiuj libroj estas broŝuritaj. La prezoj estas kalkulitaj en SVISAJ FRANKOJ kaj kun afranko por internacia sendo kiel presaĵo.**

**Eldonisto : Esperantista Centra Librejo, Paris**

**Mendebla ĉe Universala Esperanto-Asocio, (Libroservo), Palais Wilson, Genève Svislando**